# PENSEO

N-ro 235

Maj. / 2011

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 22-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Josip Pleadin (Kroatio)



### Sabina

Krutas la vojo al supro de Masado,
sed iras ni en kuno:
Sabina kaj mi laŭ malfacila pado
ascendas al ĉielo.
Kvazaŭ sur plado descendas vaksa lumo:
fromaĝe blankas luno.
Sur kolo de Sabina kolĉeno el jado.
Trembrilas lasta stelo.

Kvazaŭ post sanga romia invado,
restos sur montosupro,
nia amo buĉita per vortospado
sen pento de Sabina.
Ĝi turniĝos fulme en stranga parado
sur vinkruĉo el kupro,
kaj mortos silente, plena da revado,
dum mateno karmina.

## Jan Popelka (Ĉeĥujo)



### Lasta Libro Zamenhofa

Matene troviĝis libro
kaŝanta trezoron
de l' homara scio
kovras ĝin centjara cindro
—sed *mankas* lasta paĝ'.



## Martha Carmona (Meksiko)



### Pura Amo

Ĉu vi scias kio estas l’ amo pura?
estas tiu amo kiun ambaŭ ni kultivos,
l’ amo geamika aŭ gefrata,
ĉiam fore unu de l’ alia jen fizike...
Ĉar ni estas diste...
la distanco estas granda...
plue ni ne havas fizikan kontakton rektan
kaj ni scias ke ni ne ĝin havos.
Tiu estas diferenca manier’ de amo,
amo en l’ animo,
kun la koro en la manoj
sen pli da pretendoj...
kaj kun vortoj de stimul’ kaj amikeco.
Kaj se iun tagon...

estus ni proksime pro hazardoj de l’ destino,
kareset’ sur vango, aŭ en manoj aŭ ĉe buŝo,
nur por senti varmon kaj teneron,
kaj nur tio...



## Rodolfo Scianmarella

**(kantteksto)**

### Ĉiuj avidas pli

Ĉiuj avidas pli, ĉiuj avidas pli.
ĉiuj avidas pli, pli kaj pli, kaj multe pli...

Pli volas malriĉul', riĉulo multe pli
neniu kontentiĝas, ĉie regas ambici'.
Kiu havas eŭron volas havi du.
kiu kvin posedas, volas havi dek.
Kiu dudek havas, ja kvardek avidas.
Kiu havas kvindek nepre volas cent.

Kiu havas eŭron volas havi du. (koruso)
Kiu kvin posedas, volas havi dek. (koruso)
Kiu dudek havas, ja kvardek avidas. (koruso)
Kiu havas kvindek, nepre volas cent. (koruso)
Ĉiuj avidas pli, ĉiuj avidas pli,
ĉiuj avidas pli, pli kaj pli, kaj multe pli... (koruso)
La mono estas nun la granda diktator'
sed nepre, ne forgesu, vere gravas nia kor'.

Kiu havas eŭron volas havi du.
Kiu kvin posedas, volas havi dek.
Kiu dudek havas, ja kvardek avidas.
Kiu havas kvindek, nepre volas cent.
Kiu havas eŭron, volas havi du (koruso)

Kiu havas kvin ja volas havi dek. (koruso)
Kiu dudek havas, ja kvardek avidas. (koruso)
Kiu havas kvindek, nepre volas cent (koruso)

La mono regas nin, ni ĉiuj volas pli
sed nepre, ne forgesu, vere gravas nia kor'.
sed nepre, ne forgesu, vere gravas nia kor'. (koruso)

***tradukis***



## Svena Dun (Hispanio)



## Eugène Marais (1871 - 1936)

# Vintra nokto

Ho magra la vento
- kaj akra.
Kaj larĝe malluma
- kaj kalva,
kiel mizerikordo de Dio,
kuŝas kamp' en substela vizio.
- En ombroj de montoj
- la tufoj 'stas ondoj
kiel manoj svingantaj
- de baldaŭ irontoj.

Ho trista la lamento
- de orient'vent'deven'
kiel kanto kun sento
de junama ĉagren'.
- Glitis guto da roso
sur ĉiu herbfoli',
sed rapidis frostiĝo
- al glacia afeli'!

*El la afrikansa libere tradukita de*



**Hannes van Loggerenberg (Nederlando)**



## Popola Amkanto en Tang-dinastio

Kiam okazis/ naskiĝo via,
tiam ankoraŭ/ ne estis mia.
Kiam mi estis/ en vind' bandaĝa,
vi jam fariĝis/ homo grandaĝa.

Ol vi naskiĝis/ mi tro malfrue,
kaj vi naskiĝis/ ol mi tro frue.
Kiom feliĉa/ (ĉu nur imago?)
se ni naskiĝis/ en sama tago!

Kiam okazis/ naskiĝo mia,
tiam ankoraŭ/ ne estis via.
Kiam vi estis/ en vind' bandaĝa,
mi jam fariĝis/ homo grandaĝa.

Kiom delica/ rava aspiro!
Se realiĝos/ reva sopiro:
Mi transformiĝos/ al papilio
sidos sur floro/ en amebrio.

***elĉinigis***



## Guozhu (Ĉinio)



## Cecília Meireles （1909-1964）



# Motivo

(kantteksto)

Mi kantas ĉar ĉi moment' ekzistas,
kaj tial ke mia viv' kompletas.
Ne ĝoja estas mi, nek mi tristas:
mi poetas.

Amika de tio, kio fuĝas,
ne sentas mi ĝuon, aŭ turmenton.
Tagon, nokton iras, kaj rifuĝas
en la venton.

Ĉu mi ruinigu, ĉu konstruu,
ĉu mi neu, aŭ ĉu mi atestu
mi ne scias, kaj ĉu mi vanuu,
ĉu mi restu.

Por mi kanti estas viv', ja ĉio.
Sukon eternan havas kanzono.
Iam mi mutos jam sen nocio
de etsono.

***tradukis***



## Ŭel (Brazilo)



## Paŭlo Sena (Brazilo)



# MARANIMO

En la plej malhela mara sino
Eklumis vivaĵo sekretema.
Ĝia lumo estis Maranimo,
Kiu eknaskiĝis ja senĝena.

Sed kuris al trans la mara limo
La lumo de l' marfund' abomena...
Ĉar, el tiu sama origino,
Formiĝis malbono problemema!

# RAKONTOTA HISTORIO

Okazis je la antaŭtempa Mispaŝo:
Kortuŝinta ŝanĝiĝo de l' animstatoj,
Tre subita detru' de la homaj postlasoj
Kaj plej lasta man-ĉe-mana salutado...

La Horoj devojiĝis de l' justa marŝo
Kaj fariĝis rapidaj: kadencaj batoj...
De l' Univers' devenis fajraj lumamasoj
Kaj ĉi tie surteriĝis kun frapado.

Nia mondo jam forgesis la detruon...
Jam forgesis la iamajn bruon kaj skuon.
Nin forpelis en la fundon de la Mondo

L' aliaj planeduloj tiel batalemaj.
Jen restas nur subtera familia rondo!

Ni alkutimiĝis al vivo kavernema...



## Attila József (1905-1937)



# Manteloj

Estime timi kun kortremo
striktan mantelon de l' ĉagreno,
estimi la portantan Homon,
kiu toleras sen venĝemo.

Bone teksita el urtiko,
dornoj ne flirtas, firma ligo,
premiĝe ŝiras kaj strangolas,
kunkreskis, kiel brakum-piko.

Kaj foje polve plenkovrita,
kaj foje ruĝe roztrovita,
kaj foje okulblua, -bruna,
sed ĉiam same strikte brida.

Kaj foje ret' de araneo,
kaj foje pezas kiel fero,
kaj foje ore borderita,
kaj brila kiel la etero.

Estime timi kun kortremo
striktan mantelon de l' ĉagreno,
estimi la portantan Homon,
kiu toleras sen venĝemo.

Kiu ĝin prenis, en ĝi restas,
malliberige ĝi lin vestas,
li ĝin dumvive eble trivos,
sed lin ĝi daŭre nur arestas.

*La 17-an de majo 1922*

# Mia prapatro

Blankamantele, rajde surĉevale
mia prapatro sonĝaperas pale
en simpla vesto pure senornama,
sed en okuloj kun prafajro flama.

Liaj abundaj haroj brunas tere,
la polmoj pretas ekbatali fere,
apud felĉapo nizflugilo flagras,
antaŭ mortoj cent heroaj akras.

Kupra vizaĝo de trankvil' vespera,
— ĝin ja neniam tuŝis rid' apera —,
streĉiĝas kole korva la vejnaro,
brusto: vulkano super tajda maro.

Li nun descendas — ĉef' de l' batalfortoj! —,
moviĝas lipoj, sed ne sonas vortoj,
li alrigardas mute min manpreme,
kiel la patro filon, silenteme.

*Oktobro 1922*

***Esperantigis***



**Imre Szabó (Hungarujo)**



## Wisława Szymborska (1923-)



# KIEL MI FARTAS

Se iu min demandos, kiel mi fartas,
Mi ĝentile respondos: "Bone, mi dankas".
Ke mi havas l'artriton, tio ne tutas,
Astmo, la kor' min tedas kaj elspiro kurtas,
La puls' febla, de kolesterol' la sango plenas.

Tamen mi bonfartas, kvankam l’aĝo premas!
Nun sen bastono mi paŝi ne povas,
Eĉ, se vojon plej facilan mi eltrovas.
Dumnokte, insomnio min turmentas,
Sed venas maten’ kaj mi pri viv’ kontentas.
Mi havas kapturnojn, min memor’ trompemas,
Tamen mi bonfartas, kvankam l’ aĝo premas!
El ĉi mia versaĵet’ jena senco venas:
Kiam maljunec’ kaj malfort’ alvenas,
Pli bonas paciĝi kun enosta knaro,
Kaj ne rakonti pri sia malsanaro.
Akceptu la sorton, kunpremante dentojn,
Pri via feblec’ kun ĉiuj silentu.
Onidire, maljunec’ estas l’aĝ’ de oro,
Tion mi pripensas antaŭ la ekdormo.
”Oreloj” en skatolo, kaj“dentoj” en glaso,
“Okuloj” kuŝas sur brodita kanvaso.
Kaj min, duondorman la penso turmentas:
Ĉu jam ĉiuj pecoj, kiujn mi demetas?
En mia junec’ – mi diras sen troigi,
Tutfacilis kuri, kaŭri, ekvilibri.
En mezaĝo tiom de la forto restis,
Ke dancante, tutan nokton mi trafestis.
Nun, en la maljunec’ ŝanĝiĝis la sorto,
Promene al butik’ kaj reen sen forto.
Jen bona konsil’ por oldul’-kolektivo:
Kunpremu la dentojn kaj ridu pri vivo.
Vekiĝe, matene la “pecojn” kunmetu
Kaj mortanoncojn tralegu en gazeto.
Do, se viaj nomoj tie ne enestas,
Signifas, ke bonfarta kaj sana vi estas!!!

***Esperantigis***



## Helena Tylispka (Italio)



## Máté Péter (1947-1984)



# Preskaŭ la amor' jam

(kanzonteksto)

Jen fino, ĉio estas nur vapor',
Pasis la ĝoj nebula for,
Jen fino, sed enigma por ĉiam'
Tamen ĉe l' kor' min vundis tuj
tiu flam'

Preskaŭ la amor' jam,
Kronis ĉe nia ĝu',
Iom ekardis am',
Por kuri plu,

Preskaŭ ĉe la lumtur',
Sinkis nia galer'
Trompis min via ĵur'
Do jen: la ver'.

# Nur nun

Kiel glaciflor' forvaporas nia temp',
Tia estas nia ĝoj: forkura sent',
Pinte de la mont', floko estas via kor',
Luno palas, blovos vin tuj vento for',
Ne timu, ĉiu tag' festos ja ĝis la fin',
Espero savu vin', kredu jam, kredu nur min.

Nur nun, saĝe vivu, sola ŝanc',
Pro ĉiu erara ag', eble venĝos ia plag', (ho, ho)
Nur nun, nun delektu vin romanc',
Nun vin amas iu jam',nun delektu vin la am'.

Pasas ĉia ĝoj' ĉar aktoras ĉiu hor',
Kiam pro malgrava vort', ekbatas kor',
Venos al ni fin', jes, domaĝe nia mort',
Trans nebul' de reva bild' la blinda sort',
Ne timu, ĉiu tag' festos ja ĝis la fin',
Espero savu vin', kredu jam, kredu nur min.

Nur nun, saĝe vivu, sola ŝanc',
Pro ĉiu erara ag', eble venĝos ia plag', (ho, ho)
Nur nun, nun delektu vin romanc',
Nun vin amas iu jam',nun delektu vin la am',
Nur nun nun nur nun, nun delektu vin romanc',
nun vin amas iu jam',nun delektu vin la am',
Nur nun nun nur nun, nun delektu vin romanc',
nun vin amas iu jam', nun delektu vin la am'.

***Tradukis***



## VIZI László(Hungario)

# Ĉineske

## Zhuang Qixiong (Ĉinio)



### Al Estimata Amikino en Estonio

—laŭ ĉinesko Haoshijin*
Kun sorĉa rimo
mistera Estoni’
libere prosperu
kontraŭ novdefi’

Disfloras amikeco
en gloro, magi’
Paduso odoru
tra granda Ĉini’

## Cezar (Germanujo)



### Birdosonĝo

—laŭ ĉinesko Haoshijin*
En dorm' ankoraŭ,
en bela sonĝ' en blu'
mi laŭte ektrilas
matene en fru'.

Mi estas urba birdo
en strato sen bru'.
Jubile mi kantas
kun ĝojo kaj ĝu'.

** Haoshijin (Proksimiĝas bona afero): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 56,65 / 75,65 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa / xa,xa (x = senrima)*



### Sopiro

—laŭ ĉineska skemo Sopir-al-sudo*
Sopiro
sen klara celo,
jen vokas min la sudo
al palmoj sub ĉielo,
al ĝoj' kaj belo.

Mi sidas
sur plaĝo hela,
insuloj min forlogis,
feliĉa viv' subvela
kaj subĉiela.

Mi flugis
kun multaj mevoj
al lando utopia,
sen leĝoj kaj sen devoj,
en miaj revoj.



## Cindy Mckee (Usono)



### Krepusko sur la vojo

—laŭ ĉineska skemo Sopir-al-sudo*

Vekiĝis
kaj ellitiĝis
sed malfermi okulojn
mi forgesis. Sidiĝis,
infinitiĝis.

Nigriĝis,
nevidebliĝis.
En maturaj vivjaroj
Mi al mi fidebliĝis,
lucidebliĝis.

(tre amuza alternativa lasta vorto estus 'libidebliĝis')

(pli honesta lasta vorto estus 'ridigebliĝis)

*Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Zhuang Qixiong (Ĉinio)

### Vento de Amo

—laŭ ĉinesko Yumeiren*

Blovetas la milda vent'
kun aminda sent'.
Kiu volas eldiri:
al kie ĝi povas sopiri?

La amo ardas en kor'
kun ĝojo kaj plor'.
Per la vento de amo,
brulos ĉiam espera flamo!

*Yumeiren (belulino Yu): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 7,5; 7,9; / 7,5;7,9; silaboj kun para rimo.*



### Ĉina Saĝo

(Gratulon al 16-a Seminario de Hubei-a Esperanto-Asocio)

—laŭ ĉinesko Linjiangxian*

Elitoj disvastigas
E-on en nova vent'
sub verd-flag' kun rid-moment',
de antikveco
ĝis Zamen-talent'.

Saĝa Konfuzi',Tao'
kaj Zen' kun Ŝanĝa tent'.
Ĉiuj brilos pro torent'.
Per Ĉina trezor',
al homara sent'.

**Linjiangxian (feo ĉe rivero): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 5 versoj de 66,7,55 laŭ rimaranĝo xa,a,xa (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



### UNU MILIONO

Estis modestaj geedezoj de oficistoj. La edzo, ministeria komizo, deca kaj trozorgema, rigore plenumis sian devon. Li nomiĝis Leopoldo Bonito. Li estis malgranda juna viro, kiu pensis pri ĉio, kion oni devis pensi. Religie edukita, li fariĝis malpli kredanto, de kiam la Respubliko emis al la disigo inter la Eklezio kaj la Ŝtato. Li tre laŭte diris en la koridoroj de sia ministrejo : « Mi estas religia, eĉ tre religia, sed religia al Dio ; mi ne estas klerikala. »

Antaŭ ĉio ajn, li havis pretendon esti honestulo, kaj li proklamis tion frapante al si la bruston. Efektive, li estis honesta viro laŭ la senco la plej banala de la vorto. Kiam li alvenis aŭ foriris, li estis ĉiam akurata, li malmulte maldiligentis, kaj ĉiam li sin montris

nekoruptebla pri la « mono ». Li edziĝis kun la filino de malriĉa kolego, sed kies lia fratino estis riĉa je unu miliono, ĉar ŝi estis edziĝinta pro amo. Ŝi ne havis infanojn, tio kiu afliktegis ŝín, kaj konsekvence, ŝi povis nur lasi siajn riĉaĵojn al sia nevino.



Tiu heredo obsedis la familion. Ĝi ŝvebis sur la hejmo, ŝvebis sur la tuta ministerio ; ĉiuj sciis ke « La geedzoj Bonito havos unu milionon. »

La junaj geedzoj ankaŭ ne havis infanojn, sed ili ne tre deziris tion, ĉar ili trankvile vivis en sia strikta kaj kvieta honesteco. Ilia apartamento estis pura, ordema, silenta, ĉar ili estis kvietaj kaj moderaj en ĉiu afero ; kaj ili pensis, ke infano malserenigos ilian vivon, ilian hejmon, ilian ripozon.

Ili ne klopodis por resti sen idaro ; sed ĉar la ĉielo ne sendis infanon al ili, tio estis des pli bone.

La milionhava onklino afliktiĝis pro ilia sterileco, kaj konsilis ilin por ĉesigi tiun ĉi. Antaŭe, ŝi sensukcese provis mil procedojn rivelitajn de amikoj aŭ kiromanciistinoj ; de kiam ŝi ne plu sufiĉe aĝis por naskigi, oni indikis al ŝi mil aliajn rimedojn, kiujn ŝi supozis neeraremajn, afliktiĝante ke ŝi ne plu povis eksperimenti ilin, sed ŝi persiste klopodegis por konigi ilin al siaj genevoj, kaj senĉese ripetis al ili : « Nu, ĉu vi provis tion, kiun mi laŭde konsilis al vi antaŭ kelkaj tagoj ? »

Ŝi mortis. Tio estis en la koro ambaŭ gejunuloj iu el tiuj sekretaj ĝojoj, kiun oni vualas per la funebro, vidalvide al si mem, kaj ankaŭ plimulte vidalvide al la aliaj. La konscienco drapiriĝas per nigra, sed la animo tremetis pro ĝojego.

Ili estis avertitaj, ke testamento estis demetita ĉe notario. Kaj tuj post la eliro el la preĝejo, ili alkuris al la notaria oficejo.

La onklino, fidela al la fiksa ideo de sia tuta vivo, postlasis unu milionon al ilia unuenaskita, kun la renta fruktuzo al la gepatroj ĝis ilia morto. Se la junaj geedzoj ne havos infanon en la tri venontaj jaroj, tiu kapitalo alfalos al la malriĉuloj.

Ili estis konsternataj, stuporaj. La edzo malsaniĝis, kaj restadis dum unu semajno sen iri al sia oficejo. Poste, kiam li resaniĝis, li energie antaŭdecidis fariĝi patro.

Dum ses monatoj, li persistege klopodadis por tio, ĝis fariĝi la ombro de si mem. Nun li memoris ĉiujn onklinajn rimedojn, kiujn li konscience uzis, sed vane. Lia malespera volo donis al li falsan forton, kiu preskaŭ fariĝis pereiga al li.

La anemio konsumis lin ; oni timis la ftizon. Konsultita kuracisto teruris lin, kaj revivigis al li kvietan ekzitadon, pli kvietan eĉ ol antaŭe, kun fortodona dieto.

Gajaj diroj trakuris tra la ministerio, oni konis la seniluziiĝon pri la testamento, kaj en ĉiuj ministeriaj divizioj oni ŝercis pri tiu fama « afero de la miliono ». Iuj konsilis Boniton per ŝercaj rimedoj ; aliaj arogante sin proponis por plenumi la malesperigan klaŭzon. Precipe granda knabo, kiu estis rigardata kiel terura diboĉulo, kaj kies multsukcesoj apud la virinoj estis famkonataj tra la diversaj oficejoj, turmentis lin per aludoj, malprudaj vortoj, kaj nepre promesis, li diris, ke li heredigu lin en dudek minutoj.

Iun tagon, Leopoldo Bonito koleriĝis kontraŭ lin, kaj stariĝante abrupte, kun lia plumo ĉe la orelo, indigne sputis al li tiun insulton : « Sinjoro, vi estas senhonorega ; se mi ne respektus min, mi kraĉus sur vian vizaĝon. »

Ĉiu sendis siajn sekundantoj, tio kio agitis ĉiujn ministeriojn dum tri tagoj. Oni ne plu renkontiĝis kun ili en la koridoroj, dum ili

interŝanĝis protokolojn, kaj vidpunktojn koncerne la aferon. Fine protokolo estis unuvoĉe adoptita de la kvar komisiitoj, kaj alprenita de ambaŭ koncernatoj, kiuj grave sin salutis kaj manpremis reciproke antaŭ la oficestro, balbutante kelkajn ekskuzoparolojn.

Dum la posta monato, ili sin salutis reciproke per intenca ceremonio kaj tro alta diligenteco, kiel kontraŭuloj, kiuj troviĝas vizaĝo kontraŭ vizaĝo. Poste, iun tagon, puŝiĝante unu la alian ĉe la turniĝo de koridoro, S-ro Bonito demandis per digna diligenteco: «Ĉu mi ne doloris vin, Sinjoro ? » La alia respondis : « Tute ne, Sinjoro. »

De tiam, kiam ili renkontiĝis unu la alian, ili kredis konvena interŝanĝi kelkajn afablajn parolojn. Poste, ili fariĝis iom post iom pli familiaraj; ili kutimiĝis unu la alian, sin komprenis kaj sin estimis reciproke, kiel geuloj kiujn ignoris unu la alian, kaj fariĝis nedisigeblaj.

Sed hejme, Leopoldo estis malfeliĉa. Lia edzino turmentis lin per malafablaj aludoj, martirigis lin per subkomprenaĵoj. Kaj la tempo pasis ; jam unu jaro elfluis de antaŭ la forpaso de la onklino. La heredaĵo ŝajnis perdita.

S-ino Bonito, kiam ŝi altabliĝis, diris : « Ni havas malmulte aĵojn por manĝi ; tio estus alie se ni estus riĉaj. »

Kiam Leopoldo foriris al la oficejo, S-ino Bonito, dum ŝi donis lian marŝbastonon, diris : « Se ni enspezus kvindek mil pundojn da rento, vi ne bezonus iri por labori tien for, sinjoro la plumknaristo. »

La pluvtagoj, kiam S-ino Bonito tuj eliros, ŝi murmuris : « Se ni posedus veturilon, mi ne devigus kotiĝi dum tiaj veteraĉoj. »

Fine, ĉiuhore, ĉiuokaze, ŝi ŝajnis riproĉi al sia edzo hontindan aĵon, kulpigante nur lin, responsigante nur lin, pri la perdo de tiu riĉaĵo.

Incitegita, fine li elkondukis ŝin ĉe grava kuracisto, kiu post longa konsultado, ne decidiĝis, deklarante ke li nenion rimarkis ; ke tiu kazo prezentiĝis sufiĉe ofte ; ke samas pri la korpoj kiel pri la spiritoj ; ke vidinte tiom da disigitaj geedzoj pro humora neakordigebleco, ne estis mirigita vidi aliajn sterilajn pro fizika neakordigebleco. Tio kostis kvardek frankojn.

Unu jaro pasis, la milito inter la geedzoj estis deklarita, senĉesa, persistega milito, speco de terura malamo. Kaj S-ino Bonito ne ĉesis ripeti : « Ĉu ne estas malfeliĉo perdi tian riĉaĵon, ĉar oni edziniĝis kun stultulo ! » aŭ : « Se mi trafus sur alia viro, nuntempe mi enspezus kvindek mil pundojn da rento ! » aŭ ankoraŭ : « En la vivo estas uloj, kiuj ĉiam estas ĝenaj. Ili aĉigas ĉion. »

La vespermanĝoj kaj la vesperoj fariĝis precipe netolereblaj. Ne plu sciante kion fari, Leopoldo, iun vesperon, timante hororan scenon hejme, alkondukis sian amikon, Frederiko Morelo, kun kiu li preskaŭ duelis. Morelo baldaŭ fariĝis la amiko de la geo, la aŭskultata konsilanto de la du geedzoj.

Nun restis nur ses monatoj antaŭ la findato de la lasta templimo, poste la miliono alfalos al la malriĉuloj ; kaj iom post iom Leopoldo ŝanĝis sian agmanieron vidalvide al sia edzino, li mem fariĝis agresema, ofte li ofendis ŝin per obskuraj aludoj, parolis mistere pri edzinoj de oficistoj, kiuj sciis fari la situacion de sia edzo.

De tempo al tempo, li rakontis kelkan historion pri miriga avanco trafita sur iu komizo. « La ulĉjo Ravino, kiu estis ankoraŭ supernombrulo antaŭ kvin jaroj, ĵus nomumis subestro. » S-ino Bonito prononcis : « Ne estus vi, kiu scius fari same ! »

Tiam Leopoldo ŝultrolevis : « Kiel se li pli laborus ol alia. Lia edzino estas inteligenta, jen la tuto. Ŝi sciis plaĉi al la diviziestro, kaj ŝi obtenas ĉion, tion kion ŝi volas. En la vivo, necesas scii sin aranĝi por ne esti dupa de la cirkonstancoj. »

Kion li volis ekzakte diri ? Kion ŝi komprenis ? Kio okazis ? Ambaŭ posedis sian kalendaron, kaj nombris la tagojn, kiuj restis antaŭ la fatala templimo, kaj ĉiu semajno ili sentis frenezon envadi ilin, malesperan rabion, konfuzegan incitegiĝon kun tia malespero, ke ili fariĝus kapablaj krimi, se necesus fari tion.

Kaj jen, iun matenon, S-ino Bonito kies okuloj brilis, kaj tuta vizaĝo ŝajnis ĝojradia, metis siajn du manojn sur la ŝultrojn de sia edzo, kaj rigardante lin ĝis la animo, per gaja kaj fiksa rigardo, mallaŭte diris al li : « Mi kredas, ke mi estas graveda. » Tiam li sentis tian skuon ĉe la koro, ke li preskaŭ dorsenfalis ; kaj abrupte, li ekkaptis en siajn brakojn sian edzinon, freneze brakumis ŝin, sidigis ŝin sur siajn genuojn, ĉirkaŭpremis denove ŝin kiel adoratan infanon, kaj sinkante al la emocio, li ploris, li singultis.

Post du monatoj, la dubo ne plu ekzistis. Tiam li kondukis ŝin al la kuracisto, por ke li konstatu ŝian staton, kaj alportis la akiritan ateston al la notario, deponprenanto de la testamento.

La juristo deklaris, ke ĉar la infano ekzistis, naskiĝinta aŭ naskiĝonta, li submetiĝis kaj li prokrastos al la ekzekucio de la testamento ĝis la fino de la gravedeco.

Knabo naskiĝis, kiu ili nomiĝis Diodonanto, memore al tio kiu okazis en la reĝaj domoj.

Ili estis riĉaj.

Nu, iun vesperon, dum S-ro Bonito revenis en sian hejmon, kie lia amiko Frederiko Morelo devis vespermanĝi, lia edzino diris al li per simpla tono : « Mi ĵus petis nian amikon Frederiko, ke li ne plu revenu ĉi tien, li ĵus estis malkonvena kun mi. » Li rigardis ŝin dum momenteto, kun dankema rideto en la okuloj, poste li malfermis la brakojn, en kiujn ŝi impetis, kaj longtempe, longtempe ili sin brakumis reciproke, kiel du bonaj ĉarmaj geedzoj, tre teneraj, tre unigitaj, tre honestaj.

Kaj endas aŭdi S-inon Bonito, kiam ŝi parolas pri la virinoj, kiuj pro amo fordonis sin, kaj pri tiuj kiuj pro granda korelano impetis en la adulton.

*02an de novembro 1882*

*Elfrancigis*



**Noël Lecomte (Francujo)**

## Vejdo (Ĉinio)



# Ĉinesko el Ĉina Saĝo

### Prelego okaze de OSIEK en Wuhan (18-23 de aprilo, 2011)

**1. Difino de ĉinesko**

En Esperanta poezio, troviĝas kategorio de fiksformaj poemoj, interalie, soneto, rondelo, robaĵo, limeriko kaj japaneskaj hajko kaj utao estas konataj kaj ŝatataj de diverslandaj esperantistoj. Ĉinesko devas esti grupigita al ĉi tiu kategorio. La komuna trajto de tiuj poemoj estas, ke ili havas sian fiksitan skemon: nombro de silaboj, nombro de verslinioj kaj rimado. Ekzemple, rondelo, tre fama pro la kolekto ‘rimportreto’ far Kalocsay, havas 13 versliniojn kaj rimaranĝon de ABba, abAB, abba, A, kaj ripetadon de kelkaj verslinioj. Alia ekzemplo estas hajko, la plej simpla fiksforma poemo, kiu havas la skemon kun tri verslinioj de 5,7,5 silaboj, kun aŭ sen rimado. Do, ni ĉinoj ankaŭ havas niajn fiksformajn poemojn. Ni nomas ilin ĉinesko. Ĉinio estas lando de poemoj, kies poemspecoj kaj skoloj de poemoj superas tiujn de ĉiuj aliaj landoj. Ĉinesko nur inkludas Ci-on verkitan de poetoj dum Tang (618-907 p.K.) kaj Song (960-1279 p.K.) dinastioj.

Kiam temas pri ĉinesko, oni devas paroli pri Ci, grava branĉo de ĉina antikva poezio, ĉar ĉinesko fakte estas esperantigo de Ci

preskaŭ en ĉiuj flankoj. Ci havas historion de ĉirkaŭ 1300 jaroj. Kun tempopaso, ĝi plene disvolviĝis kaj iom post iom formiĝis pli ol du mil skemoj. Ĝis nuna tempo multe da homoj ankoraŭ emas verki per tiuj skemoj. La trajtoj de Ci konsistas el nombro de verslinioj, nombro de silaboj en ĉiu verslinio, rimado kaj tonado de ĉiuj ĉinaj ideogramoj (ekzemple: mā má mǎ mà). Kompreneble tiuj trajtoj iel katenas la penson de verkantoj, tial kelkaj proponas reformadon de Ci en moderna ĉinlingvo, i.a. ili forigas tonadon de ĉinaj ideogramoj. Ŝajnas al mi, ke la reformita Ci ankoraŭ konservas sian belecon en sonoj kaj formo. Koincide estas, ke, en sia libro ‘Esperanta Metriko’, s-ro Guozhu, kiu estas la iniciatinto de ĉinesko, enkondukis la koncepton de Ci en Esperanta vesto, kaj forigas ankaŭ tonadon de ĉinaj ideogramoj, ĉar en Esperanto mankas tonado de vortoj.

En 1973, s-ro Guozhu aperigis kelkajn ĉineskajn poemojn en ‘El Ĉinaj Esperantistoj’ (presita mimeografe) laŭ la skemo sopir-al-sudo, kaj de tiam startigis verkadon kaj kreadon de ĉineskaj poemoj.

Ĉu fajro
sovaĝa povas
forleki herbojn? Ho ne!
Jen vent’ printempa blovas,
kaj herb’ jam novas!

En pluvet’
dorse sur azen’
veturante la poet’
lulis sin per rava tem’
taŭga por poem’.

(la skemo konsistas el 5 verslinioj de 35,77,5 kun rimaranĝo xa,xa,a)

Tiu iniciato markas la pioniran inaŭguron de ĉinesko en Esperantujo. Kompare kun aliaj fiksformaj poemoj, ĉinesko havas siajn proprajn trajtojn, kiujn difinas s-ro Guozhu en sia libro ‘Ŝlosilo de Ĉinesko’. La skemoj de ĉinesko ĝenerale konsistas el fiksita nombro de strofoj, verslinioj, silaboj en ĉiu verslinio, kaj rimaranĝo. S-ro Guozhu reformis 82 skemojn el pli ol 2000 ĉinaj antikvaj Ci-ojn, nur foriginte la tonadon de ĉinaj ideogramoj. Pro tia strikta difinado de diversspecaj skemoj, ĉinesko jam estis preta por praktika kreado.

Fakte la vorto ĉinesko estas elmetita de Esperanto-poeto Edwin de Kock(1930-) el SudAfriko, kiam li verkis poemon laŭ la formo de ĉina antikva poemo. Evidente li volis per ĉi tiu vorto esprimi, ke, tio, kion li verkis, estas ĉinstila poemo. Mi supozas, ke s-ro Guozhu pruntis tiun vorton kiel kolektivan nomon de esperantigitaj Ci-oj (ĉinaj fiksformaj poemoj).

## 2. Estetikaj valoroj de ĉinesko

Ĝenerale ĉineskaj poemoj prezentas belecon en tri kampoj pro siaj unikaj strukturo kaj rimaranĝo: beleco en formo, beleco de sonoj kaj beleco de artisma ideo.

a. Beleco en formo:

Pro malsamaj longecoj de verslinioj (en Ĉinio oni alinomas Ci-on poemo kun longaj kaj mallongaj frazoj), la ĉineskaj poemoj montras sian naturan geometrian belecon en formo, se oni aranĝas ilin dekstren, maldekstren aŭ mezen de la paperpaĝo.

Omaĝe al Zamenhofa Tago

malfacile
forpasis
jam jarcento
plena je
brava, spita
prominento
plenkreskas nia lingvo
ja per via talento
surbaze
de Fundamenta
idento

ĉe festa
momento
en sankta

silento
ni adeptoj firmaj
kun konsento
omaĝas benojn belajn
vide al firmamento
respekte
al vi, kun pia
am-sento

Omaĝe al Zamenhofa Tago

malfacile
forpasis
jam jarcento
plena je
brava, spita
prominento
plenkreskas nia lingvo
ja per via talento
surbaze
de Fundamenta
idento

ĉe festa
momento
en sankta
silento
ni adeptoj firmaj
kun konsento
omaĝas benojn belajn
vide al firmamento
respekte
al vi, kun pia
am-sento

Omaĝe al Zamenhofa Tago

malfacile
forpasis
jam jarcento
plena je
brava, spita
prominento
plenkreskas nia lingvo
ja per via talento
surbaze
de Fundamenta
idento

ĉe festa
momento
en sankta
silento
ni adeptoj firmaj
kun konsento
omaĝas benojn belajn
vide al firmamento
respekte
al vi, kun pia
am-sento

Tiuj neregulaj formoj ĉiam plaĉas al okuloj de legantoj.

b. Beleco de muzikaj sonoj:

Origine Ci povis esti kantata laŭ ario (skemo), t.e. ĝiaj versoj povas adaptiĝi al melodio por kantado. Nature la rimado estas postulata de tiuj difinitaj melodioj. Pro longa tempopaso, tiuj melodioj perdiĝis, sed la strukturo de kantteksto konserviĝas. En unu skemo la sama rimo ripetas kelkfoje. La legantoj povas aŭdi la ripetatajn muzikajn rim-sonojn.

Ni sentas bedaŭron, ke ni ne povas aŭskulti la antikvajn melodiojn de ĉinesko, sed nuntempe, ni povas apreci la kanttekston de Ci komponitan de moderna muzikisto.

Su Shi (1036-1101) (Guozhu elĉinigis)
Demando sub la Luno
— laŭ ĉinesko Shuidiaogetou*

Kiam ekestas/ la luna helo?
kun glas'mi demandas/ al la ĉielo.
Kiujare, mi ne/ scias, nun estas en/
ĉiel-kastelo?
ĉu tie, alte,/ nun regas gelo?
......

En la poemo la rimo –*elo* ripetiĝas kaj donas la efikon de muzikaj sonoj.

c. Beleco de artisma ideo

Bonaj poemoj ĝenerale havas belecon de artisma ideo. Oni ankaŭ povas trovi multege da bonaj ĉineskaj poemoj kun beleco de

artisma ideo. Mi citu nur kelkajn ekzemplojn por ilustri ĉi tiun trajton de ĉineskaĵoj.

S. Asta (Svedio)

Ĉi

—laŭ ĉineska skemo Dekses-Silabo

Ĉi
arda ĉirkaŭbrak’ de vi,
ja por mi
estas poezi’.

Kial ĉirkaŭbrak(um)o estas poezio? Tio ja estas pensiga.

Maŭnan (Ĉinio)

Nokte

Nova lun' sur firmament',
reve mi jam sur krescent'
vagas tra la stel-torent'

Ĉu vi dolĉe dormas nun?
Mi do remas en silent'
vian sonĝon post moment'.

Tiu ĉi poemo prezentas trankvilan sonĝan bildon kaj senfinan sopiron de geamantoj.

Cindy Mckee (Usono)

Sonĝo de akvoguto

—laŭ ĉinesko Genglouzi

Guteto
scintilas,
silente oscilas
sur sojlo.
Sinnulo,
nur mondspegulo.

Gutego
graveda
de bildo hereda,
hezitas
ĉe falo—
ties realo.

La supra poemo estas tre bela en ideo. Tra akvoguto oni povas imagi multon el la poemo.

Ni ne havas sufiĉan tempon por apreci ĉiujn gemojn el ĉineskaj poemoj. Tio facete pruvas, ke ĉineskaj poemoj same vekas la artisman inspiron de poetoj.

**3. Esprimiveco de ĉinesko**

Kiel alispecaj poemoj, ĉineskaj poemoj ankaŭ povas esprimi libere momentajn sentojn, pensojn kaj naturajn fenomenojn. Krome, oni povas trovi fablojn, fabelojn kaj rakontojn verkitajn per ĉineskaj versoj. La esprimiveco de ĉineskaj poemoj ankaŭ videblas en adaptado de aliformaj poemoj. La plej rimarkinda kontribuo estas adaptado de “Ezopa Saĝo” verkita de K. Kalocsay. Vejdo adaptis la tutan libron per diversspecaj skemoj de ĉinesko. Tio almenaŭ manifestas, ke ĉineskaj poemoj povas esprimi la samajn eventojn kaj sentojn kiel aliaj poemoj. Inter tiuj adaptitaj poemoj troviĝas la plej longa ĉineska poemo Ezopo adaptita de Vejdo el Ezopa Saĝo entenas 176 pecojn de la ĉineska skemo Sopir-al-sudo, entute 850 versliniojn. Tio signifas, ke ĉinesko povas rakonti anekdotojn kaj historietojn, ĉu longajn aŭ mallongajn. Ekzempple, en kolektoj de ĉinesko ni povas trovi kelkajn interesajn rakontojn kiaj “Knabino kun alumetoj”, “Nova vesto de la reĝo”, “Princino sur la pizo” (adaptitaj el Andersen), S-ro Gongguo kaj lupo (ĉina fablo) kaj aliaj.

Aliflanke ĉineskaj poemoj ankaŭ povas bone prezenti samajn ideojn de aliaj poemoj per delikataj tuŝoj. La interesa ekzemplo estas la esperantaj tradukoj de irlanda poeto de Yeats “When you are old”. Oni elangligis tiun poemon per du skemoj de ĉinesko ‘Sopir-al-sudo’ kaj ‘Qinyuanchun’ respektive kaj fidele prezentis la saman senton de la poeto.

William Butler Yeats (1865~1939)

Kiam Vi Oldos

— laŭ ĉinesko sopir-al-sudo

kiam vi
oldos en futur’
plenplena je grizo kaj
dormemo sen ajn plezur’
kapklinate nur

ĉe fajro
legu bonvole
ĉi libron de poemar'
lante kaj senparole
legu senfole
......

Kiam Vi Oldos
—laŭ ĉinesko Qinyuanchun
kiam oldos
vi grizeta
kun dormem-plen'
kapklinemante
ĉe la fajro
ĉi libreton
per la manpren'
legu lante
......

Kompreneble ni ne havas tempon ĉi tie analizi la tradukojn. Mi nur volas ilustri per tiuj tradukoj, ke ĉineskaj poemoj povas esprimive eligi sent-nuancojn de poetoj. Mi estas certa, ke se necese, oni povas traduki ĉi tiun poemon per diversaj skemoj de ĉinesko.

Aliflanke kelkaj skemoj de ĉinesko helpas esprimi diversajn tonojn (tristan, ĝojan, sarkasman k.a.). Mi nur citu kelkajn ekzemplojn:

Guozhu (Ĉinio)
AMO
—laŭ ĉinesko Chaitoufeng
Dolĉa am',
juna flam'
lulis nin feliĉa gam'.
Ni ja tre
dubis ke
kiuj folis
pli ol ni ge?
Ne,
ne,
ne!

Kurta am'
pasis jam.
Estingiĝis juna flam'.
Min ja tre
ĝenis ke
ĉio iĝis
morta pase'.
Ve,
ve,
ve!

En ĉi tiu poemo videblas unue ĝoja kaj poste desaponta sentoj.

Miĉino (Ĉinio)
Malĉipa Pugo
—laŭ ĉinesko Flirta Kanto
Pugo, pugo,
eĉ en ofic-flugo
ankaŭ rangojn havi
ne forgesis pavi.
Vipa, vipa
draŝ' al luks' malĉipa.

Oni povas senti sarkasman kaj abomenan sentojn de la poeto.

Ankaŭ menciindaj estas poemoj kun erotika enhavo. Por ne ofendi la okulojn de iuj aŭskultantoj, mi ne aperigos konkretajn poemojn, sed mi nur montras du librojn kun erotikaj ĉineskaj poemoj. La unua estas *Sekretaj Ĉineskoj* de Lily kun pli ol cent pecoj de erotikaj ĉineskaj poemoj, kaj la alia *Ovra Burĝono* de Sceto kun 20 pecoj.

Por ilustri esprimivecon de ĉinesko, ni havas multajn ekzemplojn. Estas evidente, ke ĉinesko havas grandan spacon por poetoj (ĉineskistoj) disvolvi iliajn imagpovon kaj subtilajn tuŝojn de sentoj. Kompreneble pro limigo de nombro de silaboj kaj rimado, oni ne povas laŭplaĉe esprimi siajn pensojn sen konsideri tiujn elementojn. Tial iom malfacilas verki ĉineskajn poemojn por ordinaraj esperantistoj.

**4. Disvolviĝo de ĉinesko**

Jam forpasis preskaŭ 40 jaroj, kiam la unuaj ĉineskaj poemoj kreiĝis. En 2007, ni kunvokis la unuan seminarion de ĉinesko en

Kantono, Ĉinio, okaze de la 7-a Ĉina Esperanto-Kongrreso. En mia raporto, mi malprecize dividis la disvolviĝon de ĉinesko en du etapojn. La unua etapo iras de 1973, kiam aperis unuaj ĉineskaj poemoj, al 1999. Laŭ takso, en monata beletra revueto Penseo pli ol dudek aŭtoroj (inkluzive de tri eŭropanoj) aperigis ĉirkaŭ 200 ĉineskajn poemojn kaj 68 ĉineskaj skemoj estas uzitaj. Sed de 1999 al junio de 2006, verkado de ĉineskaj poemoj tute stagnis. Unuvorte la unua etapo eligis brilan sparkon, sed malfortan. La dua etapo komenĉiĝis je junio de 2006, kiam s-ro Vejdo lanĉis rubrikon ‘Verkado de ĉineskaj poemoj’ en forumo *Lernado de Esperanto*. Kuraĝigite de s-ro Guozhu, nova ondo de verkado de ĉineskaj poemoj okazis. Kompare kun la unua etapo, evidente multiĝas la ĉineskaĵoj kreitaj de ĉinaj kaj alilandaj samideanoj. La totala sumo atingas pli ol 1400 titolojn kaj pli ol 2000 pecojn (kalkulitaj laŭ skemoj), kaj ĉirkaŭ 90 skemoj estas uzitaj. En la unua etapo, oni ofte uzis pli mallongajn skemojn por verki poemojn, dum en la dua oni uzas pli longajn. Kaj krome la enhavo de poemoj de la dua etapo multe ŝanĝiĝis. Kompare kun la poemoj de la unua etapo, tiuj de la dua ne nur prezentas priskribadon de hazardaj ideoj kaj naturaj fenomenoj, sed ankaŭ longajn rakontojn. Tiuj poemoj, kiujn verkis ĉinaj kaj neĉinaj ĉineskistoj, estas kompilitaj en 14 kajeroj kun nomo *Ĉineske*. Tio kompreneble estas granda paŝo antaŭen en disvolviĝo de ĉinesko.

Okaze de la unua seminario pri ĉinesko, Guangdong-a Esperanto-Asocio eldonis 5 librojn de ĉinesko inkluzive de “Ŝlosilo de Ĉinesko”, “Sekretaj Ĉineskoj”, “300 Sopir-al-sudoj”, “Ezopa Saĝo (Ĉineske)”, “Ĉineske (1973-2007.10)”. Tio estas sukcesa resumo de kreado de ĉineskaĵoj post 37 jaroj ekde debutado de ĉinesko. Post la unua seminario, verkado plue daŭras, ne nur en Ĉinio, sed ankaŭ internacie. En majo de 2009, en la franca retejo Ipernity, oni establis grupon ‘Ĉinesko en Esperanto’, ĝis nun jam varbis 66 membrojn el diversaj landoj. En la grupo la plej elstara verkanto estas usona esperantistino Cindy Mckee, kiu verkis pli ol 100 ĉineskajn poemoj laŭ dekoj da skemoj. Poste la redakcio de la retejo ‘Lernado de Esperanto’ kolektis ŝiajn ĉineskaĵojn kaj eldonis e-libron ‘Cindy Mackee Ĉineskas’. En la grupo multaj neĉinoj montras sian talenton en verkado de ĉineskaj poemoj. Ekzemple, en stafeta ĉeno de la skemo Dekses-Silabo, hungara esperantistino Erzsebet Tuboly ĉineskis mature:

am'
por maljunul' vera dram'
amiloj
ve, senutilas jam

am'
fajrero naskita flam'
frostiĝis
cindro estas jam

am'
korpa anima balzam'
doni ĝin
neniu venas jam

am'
bruligis korpon mian
sed kiam?
ĉu vere iam?

am'
maljunula epigram'
pri pasint'
beliga ornam'

Tiuj pecoj vere brilas en esprimoj en tiel limigita spaco. Ni ankaŭ povas trovi faman poeton de Esperanto, kiaj hungaro Imre Szabo kaj ĉino Mao Zifu, kiuj ankaŭ prezentis brilajn poemojn. Ni povas iugrade certi, ke ĉinesko jam estas konata kaj akceptata de pli da

neĉinoj ol en la komenca periodo.

**5. Perspektivo de ĉinesko**

Kiel ĉinesko disvolviĝos? Sendube ĉinesko jam eniris en Esperantan Parnason, ĉu papere ĉu enrete. Kvanto de ĉineskaj poemoj jam superas tiun de kelkaj fiksformaj poemspecoj enkondukitajn en Esperanto. Ĝi jam fariĝis neignorenda poemspeco en Esperanto. Leginte ĉineskajn poemojn, la granda poeto William Auld estis tiel entuziasmigita ke li verkis favoran recenzon *Ekjuku la poeta mano* kaj esprimis sian bondeziron ke "Mi esperas, ke la tria eldono de Esperanta Antologio enhavu originalajn Ci-ojn ankaŭ de poetoj ne-ĉinaj."(Fonto 175, p.29) Fakte, ĉineskajn poemojn aperigis neĉinaj revuoj, kiaj japana 'Preludo', 'IPR', la organo de ILEI, influhava beletra revuo 'Fonto', prestiĝa 'Heroldo de Esperanto' , 'Sennaciulo', organo de SAT, kaj La Gazeto. Per klopodado de ĉinaj esperantistoj, ĉinesko vere disvolviĝas glate, kvankam iom malfacile.

Do, ĉu nenia poblemo ekzistas en disvastigo de ĉinesko? Ĉio havas du flankojn. Kompreneble ĉinesko havas negativan flankon. Nun oni verve diskonigas al Esperantujo ĉineskon kun tiom da skemoj. Tio vere estas la plendo de kelkaj verkantoj kaj amantoj. Ĉu oni vere bezonas tiom da skemoj por prezenti ĉinstilajn poemojn? Fakte krom tiuj, kiuj studas kaj esploras ĉineskon, malmultaj povas akcepti ĉiujn ties skemojn. En praktiko, oni korinklinas al mallongaj kaj facilaj skemoj, kiaj Dekses-Silabo, Sopir-al-sudo, Santaici, Busuanzi k.a. Ni prenu Dekses-Silabon kiel ekzemplon. Se oni havas tri vortojn kun sama rimo, oni povas facile verki ĝin:

Kor'
Ĝojas kiel bunta flor'
Vi kara
Sopiras en for'

Por verki tian poemeton oni nur elspezas kelkajn minutojn. Kiel simpla afero! Pro tio, Dekses-Silaboj fariĝas la plej populara el ĉiuj skemoj de ĉinesko. En nuntempa socio, oni ne havas sufiĉan tempon por verki longajn kaj kompleksajn poemojn kun multaj limigoj. En praktiko, mi provis alvoki kelkajn neĉinajn esperantistojn por verki ĉineske, kaj ili respondis fervore al facilaj skemoj, sed langvore al la kompleksaj. Mi proponas, ke aŭtoritataj ĉineskistoj zorgeme elektu nur ĉirkaŭ dek skemojn, kiuj plej reprezentas la trajtojn de ĉinesko, por disvastigi. Tiel la ĉinesk-verkantoj povas koncentri sian atenton al la simplaj skemoj kaj ŝpari energion el la malsimplaj. Tio kompreneble utilas al disvolviĝo de ĉinesko.

La komenco estas ĉiam malfacila. Ankaŭ la starto de ĉinesko spertis malfacilan situacion. Nun, kiam ni retrorigardas la progreson de ĉinesko, mi devas mencii s-ron Gouzhu, la pioniro de ĉinesko, kies merito en saĝa iniciatado de unuaj ĉineskaj poemoj devas esti enskribita en la historio de Esperanta poezio. Ĝis nun, ni jam havas grandan kvanton da ĉineskaj poemoj prezentitaj de aŭtoroj ĉinaj kaj neĉinaj, kaj ni tute rajtas kredi, ke la perspektivo de ĉinesko estas brila kaj promesplena.

Dankon! (2011-04-22)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊